Naŭa Eldono 2011



# Aŭstraliaj Esperantistoj



Novaĵa Letero de Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

Mallongaj Informadoj, Diskutoj, Sugestoj, de vi kaj ni.
Se vi trovas bonan informon informu Aŭstraliajn Esperantistojn.

**Ni invitas ĉiujn Esperantistojn kontribui al tiu novaĵa letero.**
Kondiĉoj estas mallonga letero, pri kaj en Esperanto, kun via nomo.
**Via letero ne estos korektita kaj vi respondecas pri ĝia enhavo.**



**Pensu!**
**Kritiku!**
**Laŭdu!**
**Skribu!**
**Progresu!**

Tiu ĉi letero havas "Hyperlinks" al retpaĝoj KLAKU! KLAKU! KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, informojn al Roger rspring@tpg.com.au; kaj kopiojn al Ivan ivan@melburno.org.au;




Prelego de Trevor Steele en Parizo
http://www.youtube.com/watch?v=ftAvb8i0o7I
http://www.youtube.com/watch?v=Q8MG589X_CA

Kara Roger,
eble interesus kelkajn legantojn, ke mi j'us revenis el Francio post autora turneo. Mi vizitis ok diversajn urbojn: Lille, Arras, Amiens, Caen, Le Mans, Perigueux, Bourges, kaj Paris. En kelkaj lokoj mi estis invitita paroli pri miaj verkoj, sed c'ie oni volis auskulti pri la aborigenoj de Australio (mia lasta romano, "Flugi kun kakatuoj" temas pri aborigena rezisto al europaj invadantoj en la regiono Kimberley fine de la 19-a jarcento). En Lille, Arras, kaj Paris mi parolis al esperantistoj, en la ceteraj lokoj mi parolis esperante kaj esperantisto interpretis en la francan (foje la auskultantaro estis plimullte neesperantista).
C'ie mi renkontis tre amikajn homojn, kaj la "turisma" flanko de la vizito estis ege ric'a (fakte mi iom lacig'is pro plentagaj programoj). Oni ne multon legas pri Francio en nia gazetaro, sed estas bone scii, ke la esperantistoj tie diligente laboras por nia lingvo.

Trevor Steele

Rekomendatan Legadon
"*Mirmekobo*," ĉe mirmekobo.com
de Donald Broadribb

"Tamen Plu" de Bob Felby
esperantobob@bigpond.com;
"Australiaj Esperantistoj" sendos al niaj retadresanoj

"Esperanto sub la Suda Kruco"
AEA www.esperanto.org.au
info@esperanto.org.au

Multaj nomoj en la listo de E-anoj ne estas konataj al mi.
Estas eblecon koni krom la nomojn, ankaŭ la vizaĝojn kaj voĉojn, se multaj (eĉ kelkaj) ĉeestos la Somerkursaron en la venonta Januaro.
Tio okazos en la domo de la Nov-Sud-Kimrujo Federacio, aĉetita dank'al la laboro de fidelaj membroj de la tiama Sidneja Esperanto Klubo.
Tiu grupo antaŭ pli ol 60 jaroj kutime

renkontis iomete norde de la Havena Ponto, ĝis venis tempo doni pli da spaco al la aŭtoj ol al la tiutempe tramoj
kies reloj sur la ponto okupis la orientan parton . Kie frue la tramoj iris trans parto de la ŝoseo nun estas granda spaco. Je la suda fino de tiu spaco estis tramhaltejoj tial ke tiuj volis promeni trans la ponto de la nordo al la suda parto de la ponto povis eltramiĝi.
Sub la tramhaltejo estis kunvenĉambro kie la Sidnejaj Esperantistoj renkontiĝis. Gvidata de John Matasin kaj aliaj, kaj kun helpo de mono prunteprenita de la anoj, ili aĉetis malgrandan domon en Redfern.
Dum la pasintaj 50 jaroj, tiu domo estis/estas Esperanto Domo.

Kaj dum la venonta Januaro tiuj kiuj ĉeestos la AEA Somerkursaron povos senti sin en historia loko; ne tiel historia kiel la Universitato, sed eble pli amika.

Margaret
Chaldecott. Gymea@hotmail.com

Esperanto Federation of NSW
nsw@esperanto.org.au

Jen fotoj de diversaj junaj esperantistoj. Ankaŭ estas unu aŭstraliano inter ili.
http://miparolasesperante.tumblr.com/
Nicole Else sendas la informon

## EFNSK proponas senkotizan Esperantan Tendaron

LA EFNSK deziras aranĝi Someran Tendaron dum 8 jan 2012 ĝis 15 jan 2012

La Federacio ne deziras kotizon, vi povu dormi sur aermatraco (aĉetebla de la federacio por $30) en Esperanto Domo aŭ laŭ via elekto. Tamen vi devas anonci vian intencon veni, ĉar ni bedaŭrinde ne povos akcepti centojn da personoj en Esperanto Domo!

Senpagaj estu la lecionoj. Eble ni eĉ aldonos senpagan uzon de publika transporto ene de Sidnejo. Havu agrablan tempon kun geamikoj babilante en Esperanto.

Planado ĵus komencigxis. Programo dependos de viaj respondoj, de via nivelo en Esperanto.

Ni bezonas scii kiom da homoj deziras veni inter kiuj datoj, kiu deziras dormi en Esp Domo, ktp

Ni havu lecioniojn kaj vidu Sidnejon kun amikoj.
Bonvenon rspring@tpg.com.au

**Zamenhof Tago. Dimanĉo 12 tagmezo, 11a decembro 2011 Esperanto Domo**

**La plej grava tago dum la jaro, Manĝo, trinkaĵo, Amikoj, Ĝojo.**

**Filmoj ktp. Tute sen paga. Venigu viajn amikojn, familanojn. VENU**

12:00 – interkonatiĝu

12:30 -: Oficiala malfermo

1:00 Pupoj de Dennis Murphy

1:30: Socialising with food and drinks

Amuzaĵoj, Filmoj, ktp ĝis ĉirkaŭ la 4 ptm horo

Anoncu Vian Zamenhofan Tagon ĉi tie